FONDEE en 1908, 3e SERIE
35e ANNEE - No 247 - SEPT. 1967

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : 770.55.03



**BIALISTOKO dum la lasta jarcento : Vendplaco kaj observturo de la fajrosoldatoj**

(poŝtkarto afable sendita de S-ro Léon Agourtine)

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**

**34, Rue de Chabrol, Paris X^e - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. André RIBOT**, 11, rue P.-Vergne, 47 - MARMANDE. — Tél. 730.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

## Quelques-unes des personnalités françaises patronnant l'action d'information sur l'Espéranto

**M. Maurice GENEVOIX**, de l'Académie Française ;
**M. Jean ROSTAND**, de l'Académie Française ;
**M. Charles MAURAIN**, de l'Académie des Sciences ;
**M. Maurice FRECHET**, de l'Académie des Sciences ;
**M. Jean WYART**, de l'Académie des Sciences ;
**M. Charles CAMICHEL**, de l'Académie des Sciences ;
**M. Georges AURIC**, de l'Académie des Beaux-Arts ;
**M. Jean CHARBONNEAU**, général, de l'Académie des Sciences Coloniales ;
**M. Pierre ESCOUBE**, Conseiller-Maître à la Cour des Comptes ;
**M. Henri BAÏSSAS**, Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
**M. Paul MAUREILLE**, Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
**M. André ALLIX**, Recteur d'Académie ;
**M. Maurice BAYEN**, Recteur d'Académie ;
**M. Emile DELAGE**, Recteur d'Académie ;
**M. Paul DOTTIN** (✝), Recteur d'Académie ;
**M. Paul GERVAIS**, Inspecteur principal (Service Académique Jeunesse et Sports) ;
**M. René COUTEAUX**, Professeur à la Faculté des Sciences ;
**M. André CAILLEUX**, Professeur à la Faculté des Sciences.

## CONSEIL DU MOIS

**Avec le mois d'octobre, nos activités vont reprendre, plus spécialement nos cours de langue internationale ; la première de nos préoccupations doit être la réouverture des cours déjà existants et, si possible la création de cours nouveaux.**

**D'après vos possibilités et les circonstances particulières de votre milieu, prévoyez déjà les articles de presse ou l'exposition, en tout cas, la campagne d'information qui va attirer quelques personnes intéressées et faire de nouveaux espérantistes.**

**L'on a trop souvent tendance à penser que seuls « les autres » peuvent faire quelque chose. Chacun de nous — donc VOUS ! — doit agir et enseigner l'espéranto au moins à un ou deux élèves ; il est grand temps d'y penser et d'agir.**

**A. R.**

## TULUZO-PIRENEA FEDERACIO

La esperantistoj de la Tuluzo-Pirenea Federacio ŝatis kunveni sur la kamparo la 23-an de Aprilo en « Les Cammazes » (Tarn), kie ili povis viziti baraĵon, sed devis sin ŝirmi en granda ĉambro de la urbodomo, ĉar malvarmis. Tie, post la tagmanĝo, la ludoj, kantoj kaj mallongaj teatraĵetoj formis agrablan ekzerciĝon de la lingvo.

La 11-an de Junio en Vals, apud Pamiers (Ariège). Tie, krom kelkaj ludoj kaj dancoj, la ĉefa intereso estis, post manĝo sur la herbo, vizito al Mirepoix kun ties malnovaj domoj super ŝirmejoj uzataj por la urba bazaro. Ankoraŭ pli kultura la prezento en Vals de la prahistoria muzeo, de la fundamento de templo kaj de pluretaĝa preĝejo, duone ĉizita el la roko, duone superkonstruita, vere ununura specimeno. La esperanta lingvo montris sian belecon al pluraj aliaj vizitantoj, kiuj aŭskultis la tradukon (pro du-tri alilandanoj) de tre faka prelego.

Raportis : Helena.

**Deziras korespondadi kun Francio kaj Okcident-Europo. — Sro Jozefo Kardos, Bocskai u. 47, Hodmezövasarhely (Hungario).**

**LETERVESPERON EN NOVEMBRO organizos Esp-orondeto. Korespond-proponoj pri ĉiuj temoj estas tre bonvenaj. Ĉiu skribinto ricevos dankrespondon. Skribu afable al : Adolf Stànura, por Esperanto-rondeto, Ĉkalovstrato 863, Ostrava-Poruba, Ĉeĥoslovakio.**

## SOMMAIRE

# VORTOJ DE LA PREZIDANTO

La nova Estraro de U.F.E. kunvenis la 17-an de Junio kaj laboris dum 12 horoj. Pluraj decidoj sekvogravaj por nia asocio estis alprenitaj.

Verŝajne la plej grava decido estis la principa konsento, ke en 69 estu komuna kongreso kun aliaj naciaj asocioj kaj precipe kun niaj germanaj amikoj. Kiuj legas la germanan revuon scias, ke la germanaj kongresoj havas kulturan nivelon, kiun ni povas nur envii, kun pluraj prelegoj, teatra prezentado kaj aliaj aranĝoj. Tio devus veki viglan kaj entuziasman konkuremon niaflanke !

Sed pli frue, en 68, ni kongresos en bela mediteranea urbo Aix-en-Provence kaj la Estraro decidis organizi, kun la helpo de la tuta franca movado, diversajn aktivaĵojn, kiuj devus ne nur doni pli da allogo al niaj kongresoj, sed ankaŭ doni pli da enhavo kolektiva kaj kohera al ĉiuj niaj lokaj societoj. Vi legos en ĉi tiu numero pri la verkokonkurso de U.F.E., kiu devus esti sufiĉe longe debatata en ĉiuj niaj lokaj societoj; ni havos ankaŭ tradukkonkurson — aŭ pli ĝuste ni denove havos ĝin ! — principe pli personan, kvankam ankaŭ tie la instigado de la gvidantoj regionaj aŭ lokaj povus multon. Ĉiu gvidanto devus teni kiel honorpunkton, ke lia organizo, ĉu federacia, ĉu loka, estu reprezentita en tiuj konkursoj, ja almenaŭ per unu partoprenanto, sed se eble per pluraj : principe per kiel eble plej ! La diversaj rezultoj estos proklamitaj en Aix, kaj ni tie atentos la apartenecon de la laŭreatoj !

Aliparte la lokaj societoj estos vokitaj al pli kaj pli granda iniciatemo por provizi niajn kongresojn per diversaj varieteaj elementoj : monologoj, skeĉoj aŭ scenetoj, soloj, kantgrupoj aŭ eĉ veraj ĥoroj... Ĉiaj elementoj, kiuj unuope estas pretigeblaj de niaj societoj, laŭ ties propraj emoj kaj kapabloj, plej profite cetere al ili mem, al ilia interna viglo kaj vivo ! Anoncu jam nun vian partoprenon en tiun alispecan neformalan konkurson !

Ni aldonu, ke en Aix ni denove havos oratoran konkurson : niaj junuloj, kiuj timide partoprenis en Calais, certe volos en Aix, sub la vigliga influo de la mediteranea klimato riĉa je tradicioj, partopreni en tiu nobla sporto de l'spirito kaj demonstri, ke nia Esperanto-junularo havas saman aŭdacon, sentas saman respondecon, kiel en aliaj landoj

Senutile diri, ke baza zorgo de ĉia asocio estas la mono ! Kaj racia pripenso kondukas nin al la ideo, ke monon ni povos realisme kaj daŭre trovi nur per simpla metodo : pli da membroj, ankoraŭ pli da membroj, ĉiam pli da membroj ! Ni faru utopian hipotezon por komprenigi nian penson : kiam ni estos centmil, ni eĉ ne plu bezonos almozi subvenciojn tie ĉi kaj tie for, oni kuros post ni por ke ni bonvole akceptu ilin ! Nu, ĝis tiam ni bezonos ankoraŭ iomete klopodi ! Pro tio ni decidis lanĉi kampanjon sub la modesta sed realisma titolo : « Celado 2000 » ! Ne, ke ni opinius la ciferon 2000 kiel celon per si mem ; ĝi estas en nia penso nura etapo, kiu devus rapide esti atingita, se ĉiuj niaj amikoj en respondecaj postenoj bonvole helpos nin prezentante la avantaĝojn de la unueco, kaj se ĉiuj niaj membroj instigos ĉirkaŭ si al nova aŭ denova aliĝo al nia asocio. Interalie ne plu devus esti unu sola membro de U.E.A., kaj des pli unu sola U.E.A.-delegito, ekster U.F.E. ! Plej evidente U.E.A. bezonas fortajn landajn asociojn, kaj ne subteni U.F.E. signifas subfosi ĝin kaj sekve sekigi la fonton, kiu vivigas por sia parto nian mondorganizaĵon !

Unuvorte, karaj geamikoj, karaj legantoj, la Estraro de U.F.E. kaj mi mem, urĝe, insiste, sed kore vokas vin por granda renovigo de nia asocio : tiajn renovigojn oni bezonas de temp' al tempo, tute senpretende, kaj ĉar tio estas en la naturo mem de ĉiaj homaj organizoj.

D-ro André ALBAULT.

Nia Prezidanto bedaŭras, ke estas al li materiale neeble respondi al la multnombraj mesaĝoj, ankaŭ el eksterlando, kiujn li ricevis okaze de lia elektiĝo ĉe la kapo de nia asocio.

---

# Francisko SIMONNET

## UNUA PREMIO CE L'ORATORA KONKURSO EN ROTERDAMO

Estas tiom pli agrable al ni anonci, ke Franco ricevis la unuan premion ĉe l'Oratora Konkurso, ke tio estas tre ofta okazaĵo en nia lando !

S-ro Francisko SIMONNET, el Parizo, tiel sukcese pritraktis unu el la temoj difinitaj de U.E.A. ke la juĝantaro unuanime decidis aljuĝi al li la unuan Premion.

Ni estas tre feliĉaj prezenti nian sinceran gratulon al la ĵus premiito kiu ricevis la justan rekompencon pri siaj meritoj kaj pro la seriozeco, kiun li ĉiam montris sur la kampo de esperanto.

Nun, ni volas esprimi deziron : ke Francisko Simonnet havu multajn imitantojn, precipe en Francujo : pli kaj pli malgranda fariĝu la nombro de la samideanoj, kiuj kontentiĝas je malalta nivelo de sia lingvokono kaj akceptas pasigi sian tutan vivon, nur balbutante tamen facilan lingvon.

Laŭdire, U.F.E. intencas intensigi la propagandon por sia Oratora Konkurso, taŭga preparetapo por tiu de U.E.A. ; ni esperu, ke multaj gejunuloj volos labori tiucelen ; en Aix-en-Provence, okaze de nia Jubilea Kongreso, ni eble havos la ĝojon akcepti multajn kandidatojn ?

# NIAJN VESPERKURSOJN NI PREPARU !

Por organizi vesperkurson ne sufiĉas disponi pri ejo — prefere pri klasĉambro en urbocentra lernejo — kaj havi sub la mano bonan kursgvidanton. Tion multaj lokaj societoj havas... kaj tamen !

Kompreneble necesas ankaŭ informi la publikon ĝenerale pri la lingvo kaj movado, kaj tute aparte pri la inaŭguro de la kurso.

Sed necesas pli ! Mi ne pretendas doni definitivajn konsilojn pri la afero : for de mi tia penso ; mi deziras nur doni kelkajn ideojn, iom senorde kiel ili prezentiĝos, plekte-mikse. Ĉiu el vi povos ilin adapti al lokaj cirkonstancoj kaj ebloj ; vi ankaŭ povos viavice konigi viajn spertojn.

***

Elementa vesperkurso devas havi du lecionojn (de iom pli ol unu horo) en la semajno, tiel ke en la jaro, kun kalkulo de la lernejaj ferioj, eblu gvidi inter 40 ĝis 60 lecionojn.

La inaŭgura vespero estu bone studita kaj konsistu ĉefe el prelego, kiu celas informi la vizitantojn pri nia movado kaj nia lingvo. Pri nia lingvo, ja ne estiel (1) tuto de gramatiko kaj vorttrezoro — tion ili eventuale lernos pli poste —, sed pri nia lingvo, estiel... lingvo : juna kultura kaj literatura lingvo, iom post iom penetranta en ĉiujn landojn kaj en ĉiujn sferojn de homa aktivado.

Kompreneble en inaŭgura vespero uzu ankaŭ modernajn rimedojn — ni diru : « aŭdovidajn » por esti ĝisdataj, kvankam iuj E-o-societoj uzis tiajn jam antaŭ 1914 ! —. Laŭ ebloj prezentu diapozitivojn aŭ amatorajn filmojn pri niaj kongresoj, sed super ĉio nepre aŭdigu niajn diskojn ! Mi indiku inter ili almenaŭ du kantodiskojn : tiun de Ramona (U.E.A.) kaj tiun de Varagiĉ (jugoslava) ; ambaŭ en sia aparta kaj tute malsama maniero senmanke demonstros la belecon de nia lingvo, ĝian ĉarman kaj allogan sonorecon ! Kaj lingvo, kiu kantas, kredu min, povas ĉion ! Jen fakto, kiu superos ĉian teorian argumentadon !

Grava problemo estas, ĉu la lernantoj devas pagi ion kaj kiom ! En la hodiaŭa stato ŝajnas al mi, ke estas malfacile devigi la lernantojn pagi altajn sumojn, kiaj vere respondus al la koncepto de « paga kurso » ; mi tamen konfesas, ke mi povas erari : oni studu ĉiun apartan okazon kaj kondutu laŭe ! Tamen ni ankaŭ nepre ne povas fordonaci niajn kursojn, kvazaŭ senvalorajojn. La nuntempa ĝusta mezuro verŝajne estas proponi pagan enskribon. El ĝi la loka societo retenos sumeton proksimume egalan al la kotizo por simpatianta membro (5 F.), kiu ebligos interalie liveri la federacian bultenon kune kun « Espéranto-Actualités ». La cetero utilos por doni al la lernanto diversan materialon aŭ rekte utilan por la kurso (lernolibro, leksikonoj,...) aŭ utilan por reteni la atenton pri diversaj aspektoj de la movado. Ĉi tie mi bedaŭru, ke momente ni ne plu havas ĝisdatan informbroŝuron ! Sed oni ne forgesu diversajn prospektojn aŭ broŝurojn turismajn (tiu el Hispanio estas ege aktuala pro la UK 68 !), aŭ ankaŭ pli pure esperantismajn, ekz-e la prospektojn de Grésillon, de la diversaj kongresoj kaj renkontiĝoj ; en alia ideokategorio, la prospekton pri la ekzamenoj de la Franca Esperanto-Instituto...

Estu preparitaj apartaj aliĝiloj, kun ĉiuj materialaj klarigoj necesaj : ĉiuj detaloj devas montri la seriozecon kun kiu ni prenas la tutan aferon.

La kurso komenciĝos en Oktobro, plej malfrue en la unua semajno de Novembro. Antaŭ la jarfina ferio estos faritaj proksimume 20 lecionoj, kaj je tiu stadio vi povas ekhavi ideon pri la estonteco, pri la sukceso de via kurso. Kompar-elementojn vi notu : 1) kiom da (novaj) personoj ĉeestis la inaŭguran vesperon (merito de via publika informado) ; 2) kiom da personoj enskribiĝis kaj ĉeestis la unuan lecionon (merito de la inaŭgura vespero) ; 3) kiom da personoj ĉeestis la 20-an lecionon (merito de la kursgvidanto). U.F.E. enketos apud vi kaj demandos almenaŭ pri tiuj elementoj.

Ne forgesu, ke en ĉia nedeviga kurso, kia ajn estu ĝia materio, la nombro de lernantoj rapide malkreskas en la unuaj lecionoj : preskaŭ tuj foriras la nestabilaj elementoj, same kiel la eternaj scivolemaj muŝoj, kiuj komencas ĉion, sed finas nenion. Pli poste la kurso stabiliĝas, ĉar restas nur la seriozuloj kaj la serioze interesitaj ; sed tamen la kursanaro daŭre etiĝas, ĉar eĉ ĉe la seriozuloj nenio kaj nenio povas malhelpi la aperon de plej diversaj obstakloj profesiaj, familiaj aŭ sociaj, kiuj venas ĝeni la regulan frekventadon de vesperkurso. Tamen ĝenerale tiajn seriozulojn, oni povas rekapti en alia jaro por nova kurso. Tiaj estas ĉiaj vesperkursoj : la esperantaj ne eskapas la ĝeneralan regulon. Vi komencos kun 20 lernantoj, finos kun 5 : ĝi estos bela rezulto.

Iom antaŭ la 20-a leciono (tiam vi ankoraŭ havas 7 aŭ 10 lernantojn) vi pensu pri nova ŝtupo de alligo al la movado. Ŝajnas, ke bona metodo estas abonigi al « La Praktiko, la gazeto kiu instruas kaj amuzas » ; tekstoj ne tro malfacilaj pri plej diversaj temoj, teknikaj, civilizaciaj, vojaĝaj kaj turismaj, tute taŭgaj por liveri unuajn « verajn » legaĵojn al viaj lernantoj.

Pli poste, en Februaro-Marto, vi provos abonigi al « Franca Esperantisto », al la franca organo, por teksi plian ligon kun la movado.

Sed alian eble ankoraŭ pli fortan ligon, se vi ĝin sukcesos, vi povos ekteksi pli frue, parolante pri la Universala Kongreso (Madrido en 68 !) kaj iom post iom naskante la deziron viziti ĝin. (Vi scias, ke de nun ĉiu enskribiĝinto aŭtomate ricevas la revuon « Esperanto », organo de U.E.A.). Kaj vi povas esti certa, ke persono, kiu posedos la membrokarton de la venonta U.K., ne plus konsideros la kurson fakultativa, sed ĝi plej akurate kaj regule vizitos ĝin, konsiderante tion sia devo !

Ĉar vidu ! Al kio utilus instrui la lingvon, se vi ne instruus samtempe, kiel havi kontaktojn kun la movado, kiel havi efektivan kaj senperan profiton el la ĵus lernita ?

Estas ja aliaj ligoj : internacia korespondado (pensu pri la Korespond-Servo Mondskala, 12, rue des Jacobins, 63 - Clermont-Ferrand) ; nia jam riĉa literaturo (ofte montru belajn librojn ! taŭge konsilu la unuajn aĉetojn !) ; interesaj informoj el la E-ista mondo... Ne ĉiu interesiĝos pri ĉio, sed por ĉiu vi povas trovi ion interesan. Ĉion vi devas uzi, por ke viaj homoj iom post iom sentu sin mense kaj kore esperantistoj. Ĉion vi devas uzi,... plus bona pedagogio ! Sed pri tio iu alia parolos !

En la fino de via kurso organizu trapason de la elementa « Atesto pri Lernado ». Ŝajne, bona metodo estas starigi du aŭ tri dumkursajn taskojn : la lasta senaverte konsistigu la ekzamenon. Vi anoncu tion, nur kiam la plej multaj bezonas nur nete rekopii. Tiel vi venkos la nedeziron trapasi ekzamenon, kiu ekzistas ĉe kelkaj, kaj kiu faras, ke via propono kondukas al fiasko, ĉar la aliaj ne volas insisti por tamen trapasi ! Cetere, vi mem juĝu la aferon laŭ viaj lernantoj : kiom da klasoj, tiom da kursoj ! Sed pripensu, ke dank' al tia ekzamenado, vi povos plie organizi premio-distribuadon por la plej bonaj lernantoj : tion vi plej oportune aranĝos okaze de la inaŭguro de kurso en la sekvanta jaro ! **A. ALBAULT.**

---

(1) « Estiel » signifas « kiel », en ties subsignifo identiga (komprenu : « estanta kiel », « este kiel » ; komparu : F. en tant que, en sa qualité de).

---

**Jarlibro de U.F.E.**

Kune kun tiu ĉi numero de Franca Esperantisto vi trovos kiel suplementon la unuan liveron de la nova Jarlibro de U.F.E. Ĝi konsistas el la paĝoj numeritaj de 1 ĝis 8 kaj de 41 ĝis 48.

Bonvole faldu ĝin laŭ la formato de la pli etaj paĝoj, sed tranĉu nur kiam vi estos kontrolintaj, per la ĝusta sinsekvo de la paĝoj, ke vi ne eraris.

En posta numero de la revuo, vi ricevos la duan liveron de la jarlibro (paĝoj 9 ĝis 40), kiun vi povos loki en la mezon de la unua livero.

# KIEL PROGRESIGI nian lingvon kaj movadon en Francio ?

Iam la franca movado estis la plej potenca : ĝi grandaparte naskis la movadon en monda skalo. Venis du militoj, kiuj preskaŭ detruis ĝin. Ĉi dufoje renaskiĝis sed ĝi povus esti pli potenca.

Kompreneble oni multon provis por ĝin revigligi : ĉu la vivo ne estas eterna rekomenciĝo ? Rekomenci ion jam faritan sed en aliaj cirkonstancoj povas esti profite ; al ĉiu nova situacio certe ekzistas solvo, se nur oni serĉas ĝin.

Konscia pri tio, la estraro de U.F.E. decidis organizi konkurson, dank'al kiu ĉiuj niaj membroj havos la okazon pripensi la problemon, ĉiuj niaj societoj aranĝi debatojn pri ĝi, kaj la plej fervoraj redakti po artikolon, kiu eble gajnos premion kaj aperos en la Revuo ! La nomoj de la laŭreatoj estos solene proklamitaj ĉe nia nacia kongreso en Aix-en-Provence.

***

Por partopreni tiun konkurson sufiĉos obei jenan regularon :

**Art. 1.** — Temo de la konkurso : « Kiel progresigi nian lingvon kaj movadon en Francio ? ».

**Art. 2.** — Formo : artikolo aŭ en la franca aŭ en la esperanta ; la teksto devos esti presebla en ne pli ol unu paĝo de la revuo ; ĝi devos esti tajpita en tri ekzempleroj kun interlinia interspaco kaj marĝeno.

**Art. 3.** — Rajtas konkursi ĉiu individuo aŭ societo.

(La lokaj societoj povas post debato pri la temo aranĝi kolektivan partoprenon en la konkurso, aŭ, se ili tion preferas, selekti unu el pluraj provoj kaj ĝin kolektive bonigi, ktp.).

**Art. 4.** — La artikoloj atingu la Sekretariaton (34, rue de Chabrol, Paris-10e) antaŭ la 1-a de Februaro 68, lasta limo.

**Art. 5.** — Trimembra juĝantaro senapele elektos la plej bonajn artikolojn laŭ duobla kriterio : ideoj esprimitaj, korekteco de la lingvo kaj stilo.

En unua tempo la juĝantaro retenos el ĉiuj artikoloj, tiujn, kiuj per si mem meritus esti publikigitaj pro la sufiĉa taŭgeco de la esprimitaj ideoj kaj pro la korekteco de la lingvo kaj stilo (en la franca aŭ en Esperanto). La plena listo de la aŭtoroj de la tiel retenitaj artikoloj aperos en « Franca Esperantisto », kaj ties redaktoro plene rajtos aperigi kiun ajn el ili.

En dua tempo la juĝantaro atribuos premiojn al la plej bonaj el la retenitaj artikoloj.

**Art. 6.** — Premioj. Principe estos du unuaj premioj de 100 F. kaj du duaj premioj de 50 F. dividitaj al du kategorioj.

La premioj de la unua kategorio rekompencos la artikolojn laŭ la kriterio de la esprimitaj ideoj, dum tiuj de la dua kategorio — nepre rezervita al la artikoloj redaktitaj en Esperanto — rekompencos la korektecon de lingvo kaj stilo.

Tiuj du premio-kategorioj estos kumuleblaj.

Plie la juĝantaro rajtos aljuĝi apartan premion de 50 F. al verko, kiu havus sufiĉajn meritojn samtempe laŭ ambaŭ kriterioj sed ne ricevus unuan aŭ duan premion.

La rezulto de la konkurso estos proklamita okaze de la Nacia Kongreso en Aix-en-Provence (Pasko 68) kaj aperos en la Revuo.

**Art. 7.** — Estas kreita speciala fondaĵo por ebligi disdonadon de la premioj ; Persono, kiu donos almenaŭ 25 F. povos doni sian nomon al difinita premio, kune kun aliaj personoj. (Ccp. de U.F.E. : 855-35 - Paris. Menciu : « Por la verko-konkurso »).

**Art. 8.** — La juĝantaro, kaj se necese la estraro, solvos ĉian neantaŭviditan malfacilaĵon.

***

Do, karaj geamikoj ! Ek al viaj plumoj ! Grup-sekretarioj ! Jen bela okazo por nutri plurajn kunvenojn de viaj vesperaj kluboj !

Ne forgesu, ke vi povas partopreni la konkurson ne nur per via cerbo kaj plumo, sed ankaŭ per via koro... kaj monujo : ja pro tio ni kreis specialan fondaĵon ! Plie, ĉiuj pretiĝu veni al Aix por aplaŭdi la laŭreatojn !

Kaj nun, jen demando : kiu federacio, kiu loka societo havos laŭreatojn ? Tio ja dependas multe de iliaj gvidantoj !! Ĉiuj prognozoj, ĉiuj esperoj estas permeseblaj : la plej bonaj gajnu ! Kial do ne vi ?

Do, ek ! A. ALBAULT.

---

## GRATULOJN AL NIAJ GEAMIKOJ

En Pontarlier, 1an de septembre 1967, Marie-Claude TURIN kaj Rémy GILLET geedziĝis kaj konigas al vi sian ĜOJON.

---

# OMAĜO al S-ro D-ro MAILLARD

Kara Fraŭlino Paulier, kun granda bedaŭro mi sciiĝis pri la forpaso de Dro Maillard. Mi tuj esprimis kondolencon al la familio en la nomo de U.E.A. kaj en mia persona. Same tiel mi esprimas kondolencon al U.F.E. En la historio de la Internacia Lingvo la nomo de Dro Maillard daŭre elstaros, kaj en la vicoj de la Esperanto-movado la rememoro pri lia ĉarma personeco, lia sindona laboro kaj ekzempla sindediĉo restos por ĉiam vivantaj kaj inspiraj.

Kore kaj sincere via : LAPENNA.

---

# ROTERDAMO 67

Prepari Universalan Kongreson en neatenditaj kondiĉoj kaj dum du monatoj aspektis kiel vera neeblaĵo. Tamen tiun neeblaĵon perfekte plenumis U.E.A. kiu, pro la danĝera kaj eksploda situacio Mez-Orienta decidis okazigi la U.K. en Roterdamo.

La U.E.A.-Revuo ESPERANTO alportos al vi detalan raporton pri tiu kongreso, sed jam nun, mia intenco estas reliefigi ĝian bonan organizadon dank'al streĉa laboro de la U.E.A.-Komitato, de la Centra Oficejo kaj de la Roterdamaj kaj Hagaj Gesamideanoj.

Al ĉiuj, tiu plia sukceso ĉe la kredito de U.E.A., pruvas, ke tiu Asocio meritas ĉies konfidon kaj apogon ; ĝi pruvas ankaŭ la pravecon de nia franca proverbo : VOLI SIGNIFAS POVI.

Kongresano 1179.

# Flegu vian lingvon !

« La opinioj similas al la najloj : ju pli oni albatas ilin, des pli ili enprofundiĝas ». Ŝajne la admonoj ne similas al la najloj ! Ĉar, malgraŭ oftaj atentigoj, en kursoj, aŭ konversacioj, aŭ artikoloj (vidu ekz. mian en F.E. Feb. 1963 « Alarmkrio »), multaj esperantistoj kontentiĝas per supraĵa kono de sia lingvo, kaj parolas aŭ skribas en lingvaĵo, kiun ili ne tolerus, se ĝi estus la propra, gepatra.

Ĉu mi refoje frapu sur la najlon ? Jes, eĉ se nur unu esperantiston mi konvinkos atenti pri la simplaj reguloj de la esperanta gramatiko kaj pri la neceso kontroli en la vortaro la precizan signifon de la vortoj (atentu la « falsajn amikojn » !). Mi do nun montros kelkajn erarojn troveblajn en la lastaj numeroj de nia nacia organo.

*Neakordigo de la postmetita epiteto* — « donacis maŝinon kvazaŭ tute nova » (*novan*) ; « faris festparoladon tiom pli rimarkinda » (*rimarkindan*).

*Akuzativigo de postmetita subjekto* — « sukcesas nur tiujn » (*tiuj*) ; « devas okazi mispaŝojn » (*mispaŝoj*) ; « aperas la respondeculojn » (*respondeculoj*). (Aperi, necesi, okazi, sukcesi estas netransitivaj verboj).

*Duobla rekta komplemento* — « ebligis vin ĉiujn serioze ekiri » : « serioze ekiri » estas la komplemento, sekve : *ebligas al vi ĉiuj serioze ekiri*.

*Eraroj pri la senco aŭ transitiveco de vortoj* — « la kongreso komencis per agrabla veturaro » (*komenciĝis*) ; « serĉi kial... komenciĝis ekzisti » (*komencis*) ; « inciti la respondeculojn » (*instigi* la respondeculojn. Instigi = inciter ; inciti = irriter, mettre en colère. Cetere la demando pri la « falsaj amikoj » meritus tutan artikolon).

*Erara uzo de subjunktivo* (en esperanto ekzistas nur volitivo) — « konsideri ĉiujn homojn, iuj ajn estu ilia raso... » (*kia ajn estas* ilia raso).

*Neĝusta lokigo de la negacio* — Kiam mi eklegis « ne nur li verkis du komediojn... », mi tute logike komprenis, ke li havis kunverkanton ; devus esti *li verkis ne nur du komediojn*. Oni atentu, ke, malgraŭ la ofte aŭdata aserto « en esperanto la vortordo estas libera », tiu vortordo ne estas ĉiel libera. Ekz. estas nepre necese, ke la negacio troviĝu rekte antaŭ la neata vorto ; se ne, tute aliiĝas la senco de la frazo. Jen kelkaj facilaj ekzemploj :

Ne mi manĝas pomon (sed mia fratino manĝas...). Mi ne manĝas pomon (simpla neado de fakto). Mi manĝas ne pomon (sed piron). La pomon mi ne manĝas (sed nur senŝeligas).

Same ne traduku « On ne mange pas de la purée avec une fourchette, mais avec une cuillère » tiel « Oni ne manĝas kaĉon per forko, sed per kulero », sed kontraŭe tiel. « *Kaĉon oni manĝas ne per forko, sed per kulero* ».

Troviĝas neniu malfacileco en ĉiuj ĉi atencitaj reguloj, ili estas plej simplaj. Estas la devo de la kursgvidantoj atentigi kaj insisti pri tiuj oftaj eraroj ĉe francoj. Estas la devo de la gazetredaktoroj senhezite korekti la gramatikajn erarojn de la tekstoj, kiujn ili ricevas kaj publikigas (mi ĉi tie ne parolas pri la evidentaj preseraroj). Kaj fine, ne malĉefe, estas la devo de ĉiu esperantisto paroli kaj skribi korektan lingvaĵon.

Roger BERNARD.

# ESPÉRANTO ET CULTURE

**OFICIALA ORGANO DE G.E.E.**

**Redaktas : S-ino VINCENT, rue des Oiseaux, 27 - LES ANDELYS**

**Materialon por « ESPERANTO & CULTURE » oni sendu antaù la 5-a de la monato**

## REORDIGO DE LA KOTIZOJ DE G.E.E. AL U.F.E.

De kiam G.E.E. estas fako de U.F.E., la membroj de G.E.E. kiuj estas samtempe membroj de U.F.E., pagas la kotizon komunan al ĉiuj U.F.E. anoj, tio estas 20 F.

El tiuj 20 F., nur 14 estas senditaj al U.F.E. dum la 6 ceteraj estis por la fako.

Sed, el tiu regulo, okazis malapero de la federacia kotizo, kaj, konsekvence multaj federacioj plendis pro la malkresko de siaj membraroj en 1967.

En Calais, ni serĉis solvon al tiu problemo, kaj, interkonsente kun la estroj de U.F.E., la delegitoj de G.E.E. (la kasisto kaj la prezidanto) studis jenan ŝanĝon :

— La membroj daŭre pagos 20 F.

— Kiel antaŭe 14 F. estos por U.F.E.

— Sed el la 6 restantaj frankoj,

— 2 estos por la federacio.

— 4 estos por la faka asocio (G.E.E.).

Tiu projekto estas principe akceptita de la estraro de U.F.E. kaj de la konsilantaro de G.E.E. Por ke la projekto estu tute demokrate aplikebla en 1968, mi deziras ke vi konigu viajn opiniojn.

Tial mi petas ke ĉiuj anoj de G.E.E. kiuj samtempe estas membroj de U.F.E. legu atente tiun proponon kaj sendu sian aprobon aŭ malaprobon al la sekretariino de G.E.E. (adreso trovebla en la bulteno). Por ke la mallaboremuloj ne difektu la tuton pro neglekto, la anoj kiuj ne estos respondintaj antaŭ la 15-a de oktobro (unu monato post la apero de la bulteno) estos nombritaj kiel aprobantoj.

Mi esperas ke ĉiuj agemaj esperantistoj jam komprenis ke la faka laboro ne povas anstataŭi la lokan laboron, ke pro tio necesas pluvivigi la federaciojn kaj ke tiu zorgo estis la nia kiam ni proponas al vi tiun regulon.

Je la nomo de la administrantaro.

La prezidanto de G.E.E. :

F. BOYET.

***

## EEPERANTO-INSTRUADO EN 1966-67 EN FRANCUJO

Esperanto estis instruata en :

5 seminarioj al 37 geknaboj;
21 liceoj al 179 geknaboj;
12 kolegioj al 237 geknaboj;
9 elementaj lernejoj al 105 geknaboj;
2 specialaj lernejoj al 7 geknaboj.

Krome ekzistis 35 publikaj kursoj kun 347 gelernantoj.

RIMARKO :

Bedaŭrinde multaj kursgvidantoj ne indikis la nombron de siaj gelernantoj, tiel ke la ĉi supraj ciferoj devas esti konsiderataj nur kiel minimumaj. Certe pli multaj infanoj kaj gejunuloj lernis Esperanton en la ĵus pasinta lernjaro.

## NACIA ENKETO

Esperantistoj ĉiam devas esti pretaj respondi ĉiujn demandojn pri la movado ĝenerale; pro tio necesas, ke ili estu plene informitaj.

Ni supozu, ke subite nia ministro pri Nacia Edukado decidas enkonduki Esperanto-instruadon en la lernejojn kaj informiĝas pri la disponebla profesoraro. Ĉu vi kapablos respondi precize ?

Jen kial ni lanĉas hodiaŭ la jenan tre gravan enketon al kiu, ni petas, ĉiu el vi bonvolu respondi klare kaj detale.

---

Nomo :

Antaŭnomo :

Naskiĝdato :

Profesio :

Adreso :

Kiujn Esperanto-diplomojn vi posedas ?

Titoloj de la diplomoj :

Datoj :

Ĉu vi jam instruis Esperanton ?

Al kiuj (infanoj, gejunuloj, plenkreskuloj) ?

Ĉu vi eventuale akceptus gvidi kurson en lernejo ?

Rimarkoj :

Dato kaj subskribo :

Bonvolu eltondi aŭ kopii tiun demandaron kaj sendi ĝin *kiel eble plej frue* al S-ino J. Vincent, rue des Oiseaux, 27 - Les Andelys.

## LES ANDELYS

La 25-an de majo okazis la ekzamensesio : 5 knabinoj sukcesis en Atesto pri Lernado kaj 3 en Atesto pri Supera Lernado.

La diplomojn ili ricevis la 24-an de junio kaj tiu disdonado okazigis festeton kun prezentado de la teatraĵeto « La malbona supo » kaj de la Esperanto parolanta filmo pri Novzelando.

Komence de julio, 3 knabinoj akompanis sian instruistinon al Grésillon, kie ili partoprenis la unuan staĝon. Du el ili ricevis 100-frankan stipendion de la Zamenhofa Kulturcentro en Les Andelys.

## INFANA VIDPUNKTO PRI LA UNUA STAĜO EN GRESILLON

Ĉe nia alveno la 2-an de julio je la 11-a vespere, S-ino Cheverry donas al ni la ĉambron numero dudek tri, tre bela, kun multe da bildoj sur la muroj kaj aparta tualetejo.

En la mateno, ni havis la grandan plezuron saluti ĉiujn homojn. Post la matenmanĝo, ni agrable vizitis la kurson de S-ro Ribot, kiu estas tre afabla.

Post unu tago, ni naĝis en la granda banejo. Ni estis tri knabinoj Lisbeta, Martena kaj mi ; ĉiu el ni tre ŝatis bani.

En Grésillon ankaŭ estas tre bela lago, arbaro kaj infanĝardeno.

Ni venis en Grésillon dank'al S-ino Vincent; ŝi estas tre afabla kaj ĉiam parolas al ni Esperanton.

Ni multe, multe dankas S-inon Vincent pro ŝia granda afableco.

Vivu Grésillon kaj vivu Esperanto !

PANNIER Veronika, 12-jara knabino.

---

# RECENZOJ

### ISTVAN FEKETE : VUK

Istvan Fekete estas unu el la plej legitaj verkistoj de la hungara legantaro. Inter liaj multnombraj romanoj kaj rakontvolumoj la besthistorietoj fariĝis la plej popularaj. En sia romano : « Vuk » Istvan Fekete rakontas pri vulpido kaj pri la vivo de la arbaro. La kuriozaĵo de la libro estas, ke la aŭtoro devojas de la kutima vulpo-figurado : lia Vuk estas kuraĝa vulpeto heroe defendanta sian familion.

Ĉe la komenco de la romano ni konatiĝas kun Kag kaj Iny, kun la vulpogepatroj, kiuj vivas inter ĉiamaj zorgoj kaj luktoj, tagnokte iradas senĉese por manĝaĵo, ja ok malsataj vulpidoj atendas ilin en la vulpofortikaĵo.

La vulpidoj bele kreskadas, sed neatendite okazas terura afero : la plej danĝera malamiko de la vulpoj, la Glathaŭta Homo, kiu iradas ĉiam kun fulma armilo, malkovras la vulpofortikaĵon. La tuta familio pereas, nur Vuk saviĝas en mirinda maniero, krome restas viva unu lia fratineto, sed ŝi kaptiĝas. La soliĝinta vulpeto, kiun ekprotektas lia familiano Karak, devas multon lerni, kaj partopreni multajn durajn batalojn, ĝis fine il fariĝos fama ĉasulo kaj la plej brava el la vulpogento.

En la romano, kiun trapenetras la pasia amo al la naturo, estas troveblaj ĉiuj verkistaj virtoj de Istvan Fekete, nome la kolora stilo, la turnoriĉa fabelintrigo kaj la bonege individuigitaj bestofiguroj.

La katenigan historieton ilustras la desegnoj de Pal Csergezan.

*Amplekso : 84 paĝoj,*
*3 nigraj kaj 22 koloraj intertekstaj grafikaĵoj*
*Formato : 12,2 × 18 cm.*
*Bindo : Con-Rit, kun kovrilo* F. 7,50



**MOI J'AI CHOISI...** Propaganda faldfolio ĵus eldonita de Editions Françaises d'Esperanto en Marmande. Ĝi tre klare kaj koncize donas ĝeneralan ideon pri Esperanto, ĝia nuna disvastiĝo, kelkajn opiniojn pri ĝi, adresojn utilajn por francparolantoj. Ĝia formato 10, 5 x 13, 5 cm. ebligas ĝian alsendon en ordinara koverto. Rekomendenda al la grupoj por ilia aŭtuna propagando. Prezo :

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 50 | ekzempleroj | 3,00 | + 0,70 | (sendkoto) | = | 3,70 |
| 100 | — | 5,75 | + 1,10 | — | = | 6,85 |
| 200 | — | 11,00 | + 1,70 | — | = | 12,70 |
| 300 | — | 16,00 | + 2,30 | — | = | 18,30 |
| 500 | — | 25,00 | + 3,50 | — | = | 28,50 |
| 1.000 | — | 47,00 | + 6,90 | — | = | 53,90 |

(Mendebla rekte ĉe la Eldonejo, kies poŝtkonto estas 30-900 Bordeaux).

L. L. ZAMENHOF : FUNDAMENTO DE ESPERANTO — Naŭa Eldono kun Enkondukaj Notoj kaj Lingvaj Rimarkoj de D-ro A. Albault — Esperantaj Francaj Eldonoj, Marmande ; 15,5 x 22 cm., 356 paĝoj — Prezoj : broŝurita : 12,50 — Bindita : 16,50.

Tiujn, kiuj dum la lastaj tridek jaroj sekvis la gazetarajn kolokvojn de niaj gramatikistoj, akademianoj kaj lingvoamatoroj, ĉefe pri io/ujo, neologismoj, ata/ita k.s. certe primiris la monologismemo kaj fera obstineco de multaj el la intervenintoj : interkonsento eblis, nur kiam hazarde ekzistis jam antaŭ ol la diversaj pledoj estiĝis ! Do ree kaj ree monologado kaj denova enfiksiĝo en la propra vidpunkto ! Paradkose tamen ĉiuj pli aŭ malpli sin ŝildis per la FUNDAMENTO kaj alkroĉiĝis al tiu aŭ alia ero, ne malofte citante nur laŭ alies citaĵoj, sen samtempa studado de la kunteksto, kaj plurfoje plene miskomprenante regulerojn, por ĉi ties komparo kun nacilingvaj kutimoj, anstataŭ iri al la Ekzercaro kaj al la Zamenhofa tradicio. Aldone, por multaj studemuloj, kiuj sin trovis malproksime de grandaj centroj kaj bibliotekoj, ne ĉiam estis facile rekte konstati citaĵojn aŭ mem trastudi la tutan FUNDAMENTON pro manko de aĉeteblaj ekzempleroj. Plej ofte oni devis sin kontentigi per konsulto el nur unu el la nacilingvaj partoj, kiuj ĝin konsistigas, sed eĉ tio ne ĉiam eblis !

Antaŭ tiu stato, D-ro Albault, membro de la Akademio kaj Direktoro de la Sekcio VORTTREZORO, kiun cetere allogas la pradokumentoj de nia Movado kiel etnologon ekzota lando aŭ historiiston pratekstoj, decidis entrepreni la taskon kunigi kaj editori tiun bazan dokumentaron. La laboro estis grandega kaj postulis apartan intelektan statuton, apud scienca kompetenteco kaj skrupula objektiveco. Sed ĝuste tiuj kvalitoj elstare ornamas nian D-ron Albault. La rezultaĵo estas la monumenta eldono kape priskribita.

Post Ĝenerala Enkonduka Notico, la editoro antaŭmetas, tre prave ! la tekston de la Deklaracio pri la Esenco de la Esperantismo (ankaŭ kun klariga notico) kaj jen ni eniras la kernon de la libro, kiun konsistigas la diversaj partoj de la FUNDAMENTO : Antaŭparolo, Gramatiko (Franc-, Angla-, German-, Rus- kaj Pollingva), Ekzercaro kaj Universala Vortaro. Por senmanka ekzakteco, la FUNDAMENTO aperas fotokopiita de la 1-a eldono. Al ĉio ĉi tio la editoro aldonis la postajn Akademiajn Korektojn al la Universala Vortaro. Fine, kvazaŭ resume, D-ro Albault donas Planon kaj Notojn pri la Antaŭparolo, Komparan tekston de la Kvinlingva Gramatiko (en Esperanto, kaj tial unu el la plej dankindaj faroj de la editoro, ĉar tiel nia Gramatiko estas ekde nun klare alirebla al tiuj, kiuj ne povas rekte trastudi la kvin nacilingvajn), Enhavon de la Ekzercaro kaj Lingvajn Rimarkigojn. Bona Bibliografio kronas la laboron. Por nete apartigi la FUNDAMENTON disde la komentoj de la editoro, la eldonisto presigis la FUNDAMENTON sur blanka papero kaj la komentojn sur pale flava. Tiel do ekde nun, same al fakulo kiel al laiko, la FUNDAMENTO estas ne nur tre facile alirebla, sed science kaj zorge prezentita. Bona referencara aparato ebligas rapidan konsulton pri kiu ajn ero.

Pri la gravo de la FUNDAMENTO, pri ĝia signifo por nia unueco kaj por nia progresado, jam tute klare dekretis la Bulonja Deklaracio, kaj kvankam ignorado de tiu Deklaracio ne estas maloftaĵo, tamen tio nenion deprenas de ĝia devigeco. Espereble do, per sia science serena elmeto, ĉi tiu eldono multe kunhelpos al la envojiĝo de elorbitigitaj pozicioj, al la trankviliĝo, al la malpliakriĝo de misestigitaj streĉitecoj. Espereble, same, ĝi pozitive kunhelpos transigi la ĝisdatan monologismeman obstinadon de kelkaj rondoj en apertan kaj honestan dialogon kun Zamenhof kaj en elkomprenon pri la genieco, kiun konsistigis la kvazaŭdogma leĝigo de la FUNDAMENTO. Ĉar ja, kiel diras la editoro, dum « la cetero eble povos fluktui laŭ paso de l'jaroj », ĝi estas la parto de nia lingva tradicio, « kiun ni ne povas forigi ne detruante ĉion ».

Al D-ro Albault kaj al Esperantaj Francaj Eldonoj (en la persono de ties direktoro S-ro A. Ribot) Esperantujo ŝuldas grandan dankon, kaj mi kun ekzalta entuziasmo rekomendas ĉi tiun unike gravan libron, kiun neniu serioza kulturanto de nia lingvo povas ignori.

Prof. J. REGULO (el « BOLETIN »).

---

# PROFITU LA ERAROJN

## LA TAGO KIE VI VENIS

**DEUX ERREURS :**

a) **Il faut N à « tago »,** car il s'agit d'un complément circonstantiel de temps et non d'un sujet. Nous dirons de même : « la tagon de sia edziĝfesto, li aspektis malgaja : le jour de son mariage, il paraissait triste.

b) **En Espéranto, KIE** ne peut désigner qu'un lieu et ne convient pas à une expression de temps ; il faut donc dire comme en anglais :

**la tagon, kiam vi venis (QUAND vous êtes venu)**

Remarquons enfin qu'il est d'usage en espéranto, de séparer chaque proposition par une virgule ; il est donc préférable d'en mettre une entre les mots : tagon, kiam.

## MI HAVAS SENDITA AL VI

Faute fréquente chez les débutants ! **En français,** nous employons fréquemment le passé composé : j'ai écrit, nous avons demandé, etc. En pareil cas, l'espéranto emploie le prétérit (forme en IS) :

— J'ai écrit : **mi skribis.**

— Nous avons demandé : **ni petis.**

A remarquer que l'auxiliaire AVOIR du français disparaît, puisque nous avons remplacé la forme composée du français par une forme simple, donc sans auxiliaire. Il peut arriver cependant que la précision nous oblige à employer la forme composée au lieu de la forme en IS ; dans ce cas, le seul verbe auxiliaire de l'espéranto est ESTI : être (HAVI : avoir signifie uniquement : posséder et ne peut jamais être auxiliaire).

L'exemple erroné qui fait l'objet de cette explication peut alors se traduire de deux manières :

— forme simple : **mi sendis al vi ;**

— forme composée : **mi estas sendinta al vi (je suis ayant envoyé à vous).**

# NIA VORTTREZORO

S-ro L.L. el M. *skribas : « Legante « E-o », p. 67, mi malkovris, ke bazaro havas du sencojn : bazar kaj marché. Kiom da homoj uzas la vorton merkato, anstataŭ bazaro ! Ĉu marché kaj merkato ne estas pliaj ekzemploj de falsaj ĝemeloj ? ».*

**14. Ni iru al la ĉevalbazaro !**

Efektive, oni tro ofte kontentiĝas konfuzi vorton de lernata lingvo al la simila de la propra. Nur poste en kunteksto oni konstatas, ke la vorto havas aliajn nuancojn, aliajn uzojn. Lernanto de Esperanto, kompreneble, ne eskapas la ĝeneralan regulon.

*Bazaro*, same kiel *foiro*, estas speco de vendejo ; ili estas konkretaj, dum ja abstrakta estas *merkato*, kiu signifas *vendosfero*.

***

La signifo de *merkato* estas bone difinita. La Kvara Oficiala Aldono (1929) ĝin escepte difinas en E-o, kaj jene : « Sfero de vendo, kampo de komerca agado pri aparta branĉo ; (neniam signifas placon aŭ ejon) ». La Plena Vortaro nur kopias tiun difinon kaj aldonas trafajn ekzemplojn : « la kotonmerkato ; tiu varo havas vastan merkaton ; serĉi al si novajn merkatojn ». Waringhien donas al ĝi jenajn ekvivalentojn : « 1. marché (de la laine, du cuivre,...), bourse, transactions. — 2. Marché, débouché ». Plie li citas la esprimon : « la nigra merkato » aŭ « kaŝkomerco ».

La etimologio estas latina : *mercatus* (participo de *mercari*, negoci) signifas negocado kaj devenas de la radiko *merx, mercis*, varo. Ni rimarku, ke de la sama radiko ni havas ankaŭ *mercero*, kiu nomas tuton da etaj objektoj utilaj por virinoj en kudrado, kiel butonoj, fadeno, pingloj, fiboloj, rubandoj, ktp. Tiu vorto devus en Esperanto prefere havi la formon *merco* ; ne por eviti la finaĵon -ero, sed ĉar tiu vortfino estas kriplaĵo de la latinida sufikso *-eria* aŭ *-erie*, kiun oni iam proponis sub formo *-erio* por nomi la metiistejojn aŭ butikojn (lakterio, librerio, .. kaj do merc-erio) kaj ĉar la formo *mercero* aperas, ĉefe por hispanoj, kiel kontraŭsenco : en ilia lingvo tiu formo nomas la viron, kiu vendas tiajn varojn, kaj tute ne la varon mem. Tro ofte ĉio okazas, kvazaŭ neniu E-isto povoscius la hispanan lingvon aŭ kvazaŭ ĉiu ignorus ĝin, kiel jam rimarkis Prof. Régulo Pérez.

Sed ni revenu al niaj bredataj ŝafoj ! La latina *mercatus* retroviĝas en la latinidaj kaj ĝermanidaj lingvoj kaj, laŭ ĉiu el ili, aŭ kun la nura esperanta signifo, aŭ kune kun la signifoj de bazaro aŭ foiro, t.e. de vendejo. La sud-latinidaj apenaŭ modifiĝis : *mercado, mercat, mercato*, dum por klarigi la francan *marché*, la anglan *market* kaj la germanan *Markt* oni ŝajne devas reiri ĝis la romanika, kiu hezitis inter *marcat, mercat* kaj *merchat*, tri formoj ankoraŭ troveblaj en la okcitanaj dialektoj. La germana devenus de old-germana *markat*, dum la angla el pikarda *market*...

***

La germana *Markt*, ekzemple, havas konkretan signifon de vendejo kaj povas respondi al bazaro, dum la kunmetaĵo *Jahrmarkt* (la « Markt » de la jaro), preskaŭ senŝanĝe trovebla en la rusa kaj pola, signifas *foiro*.

Kaj ĝuste per tiuj du germanaj vortoj troveblaj en la Fundamento, Zamenhof difinas la du esperantajn : plian fojon la germana klare montras sencorilaton ! Efektive, se *foiro* estas en la Fundamento F. *foire*, A. *fair*, samtempe *bazaro* tie estas F. *marché, foire* kaj A. *market, fair*, kiujn la Akademiaj korektoj bedaŭrinde miskorektis al F. *bazar, marché* kaj A. *bazar*... Dume la germanaj tradukoj sugestas, ke esence *bazaro* kaj *foiro* estas la sama afero : sed bazaro estas banala ĉiutagaĵo, dum foiro estas solena unufojaĵo, ĝi iel estas festa !

Nu ! *Bazaro* devenas de persa vorto *bâzâr*, publika vendejo ; ĝi estis importita en Europon de la portugaloj, dum la francoj ĝin konigis al la tuta kontinento. Eĉ germanoj pli malpli uzas ĝin konkurence kun *Markt*, dum slavoj aplikis ĝin ankaŭ por loknomoj, kiel ekz-e Novibazar en Serbio.

En Esperanto ĝi estas la normala vorto por la kolektiva vendejo, por la loko kie tre diversaj vendistoj banale kuniĝas je difinitaj datoj kaj horoj por proponi siajn varojn, siajn metiistajn aŭ farmajn produktojn, siajn brutojn. Ĝi ja respondas al F. *marché* kaj *foire* : Zamenhof pravis, la Akademio ne ! Ni efektive konstatu ke ekzistas multaj specialigitaj bazaroj : *kortbirdobazaro, bazaro de malnovaĵoj, florb., legomb., bazarhalo*, ... t.e. F. *marché aux volailles, aux puces, aux fleurs, aux légumes, marché couvert* aŭ *halles*, ... Tamen oni prefere traduku *melonbazaro* kaj *ĉevalbazaro* per : *foire aux melons, foire aux chevaux*, sed *porkob.* denove estas *marché aux cochons*, dum *brutbazaro* estas laŭ la regionoj aŭ laŭvole *marché* aŭ *foire aux bestiaux*, ...

Aliparte, importita el Oriento la nova vorto devis lukti kontraŭ la indiĝenaj terminoj ! Rezultis el tio, ke en pli ol unu lingvo ĝi devis kontentiĝi, post tempopaso, per esprimado de orienta koncepto en la imago de la popolo, aŭ ankaŭ estis ekuzata por nomi specon de magazeno — la « ĉiovendejo » —, en kiu, simile al la publika vendejo, eblas trovi plej diversajn varojn. Tiuj du sencoj estas troveblaj ankaŭ en Esperanto : la Plena Vortaro donas la duan, Waringhien la unuan !

***

Kaj kion ni diru pri *foiro* ? Evidente, ĝi estas nura transskribo el la franca, spitante ties prononcon ! Kaj tiu franca vorto mem devenas de la baslatina *feria*, el latina *feriae*, respondanta al praformo *fes-iae*, festtagoj.

Ja tiu *feria* liveris al ni ankaŭ nian *ferio* ; sed en la Mezepoko okazis grandaj bazaroj en difinitaj ferioj, en difinitaj festotagoj ; oni nomis ilin en la oldfranca *feire*, kaj de tiu vorto naskiĝis per diverĝaj fonetikaj transformiĝoj la franca *foire* kaj la angla *fair*. Paralele evoluis la itala *fiera* kaj la portugala *feira*, dum la hispana *feria* restis, kiel kutime, fidela al la latina. Por kompleteco ni citu ankaŭ la katalunan *fira* kaj la romanĉan *faira*.

Pro sia deveno tiu vorto nepre estas rezervita al la pli solenaj kaj pli grandaj bazaroj. Al bazaro oni venis de la apudurba kamparo ; al foiro oni alvojaĝis, kelkafoje dum semajnoj, de la plej foraj provincoj, precipe en Centra Eŭropo aŭ en Rusio. Kaj pro tio oni nomis ilin *Jahrmarkt* aŭ *jarmark*, t.e. jarbazaro !

Sed en nia moderna mondo ne plu estas loko por jarbazaroj. sed tamen la mezepokuloj ja plu rekonus siajn foirojn en tiuj bruaj, buntaj kaj homplenaj aranĝoj, kiujn ni nomas ankaŭ « *specimenaj foiroj* » aŭ *ekspozicioj* (F. *foire-expositions*). En ili, simile kiel antaŭ jarcentoj, najbaras honestaj vendistoj, ĉarlatanoj kaj amuzistoj !

Tio estu okazo por atentigi, ke la franca vorto povas signifi ankaŭ *amuzejo*. La sama vorto laŭ tempopaso povas akiri novajn sencojn kun la fluo de la vivo kaj la cirkonstancoj : la popolo neniam longe cerbumas por kapti vortoformon kaj doni al ĝi novan vivon : des pli malbone, se logiko ne kunestas ! « En la diversaj lingvoj ja, sed ne en nia Esperanto ! ».

Jaĉ ! Tion diras vi, ne mi ! Ankaŭ en Esperanto !

——————

A. ALBAULT.

*Por ricevi respondon en tiu rubriko, oni sin turnu rekte al D-ro Albault.*

# *Allons-nous voir le déclin du français ?*

La liste serait longue de toutes les publications qui, depuis de nombreuses années, attirent l'attention des Pouvoirs Publics et des milieux cultivés sur les assauts de plus en plus violents que subissent notre langue et notre culture de la part de la langue anglaise. Jusqu'à présent, avertissements et sonnettes d'alarme sont restés parfaitement inopérants et l'anglais, bénéficiant d'un snobisme certain, continue sa progression ; malgré sa prononciation mal assurée et son orthographe encore plus aberrante que la nôtre, il conquiert peu à peu des positions nouvelles.

Mais voici qu'un fait nouveau va, dans un avenir prochain, donner à ce problème une acuité nouvelle et reléguer la langue française (et les autres aussi !) au rang de la langue secondaire : la Grande-Bretagne a demandé son adhésion au Marché commun ; il faut donc prévoir qu'après les éliminations des oppositions éventuelles, cette adhésion sera acceptée ; à ce moment-là, le loup sera officiellement dans la bergerie. La Grande-Bretagne, grâce aux liens traditionnels qui l'unissent aux Etats-Unis n'aura plus qu'à imposer sa loi. Ce sera d'autant plus facile que l'anglais est la langue des deux puissances ;il y aura donc en plus, une communauté d'intérêt, d'ordre linguistique et culturel, et cela, au détriment des autres cultures.

Qui pourrait donc s'opposer à cet « impérialisme linguistique » ? Dans certains pays, et en France en tout premier lieu, il ne sera plus temps de gémir et de prendre des mesures... à retardement, le mal sera fait !

Déjà, gémissements, soupirs, lamentations... tout cela est bien inutile, car pendant que nous perdons un temps précieux en vaines palabres, le fléau s'étend et le français se transforme peu à peu en franglais !

Tout n'est cependant pas perdu, car il existe depuis longtemps un remède, UN SEUL ! L'adoption officielle d'une véritable langue internationale : l'espéranto, dont les grandes lignes — on l'oublie trop souvent — ont été pensées par Descartes. Seul l'espéranto, bénéficiant auprès des Pouvoirs Publics et dans nos programmes scolaires des mêmes avantages que l'anglais, est capable de s'opposer victorieusement à cette langue, par sa facilité, sa précision et sa rapidité d'assimilation.

Considérant d'une part, le danger imminent que l'adhésion de la Grande-Bretagne au Marché commun ne va pas manquer de faire courir au français et à notre culture, considérant d'autre part toutes les qualités que les plus hautes autorités (U.N.E.S.C.O., Académie des Sciences, Académie Française, linguistes de tous pays, etc) ont reconnu à l'espéranto, il est urgent que nos programmes scolaires s'ouvrent largement à l'espéranto, en adoptant une série de mesures adéquates, dont les principales pourraient être :

a) Ouverture d'un cours de langue internationale dans les Etablissements des 1^er^ et 2^e^ degrés partout où un nombre minimum d'élèves désirent l'apprendre et où un professeur compétent peut être nommé.

b) Institution d'une épreuve facultative au B.E.P.C. et au Baccalauréat, dont la note n'entrera en ligne de compte que si elle est supérieure à la moyenne.

c) Création dans nos Facultés de Lettres d'une chaire d'espéranto, pour la formation de Professeurs.

d) Démarches officielles effectuées par le Gouvernement Français auprès des autres Gouvernements, en particulier auprès de l'Allemagne, de l'Italie, de la Hollande, de la Belgique et du Luxembourg — c'est-à-dire l'Europe des Six — pour l'adoption de mesures similaires.

Notre appel sera-t-il entendu ? L'agression du pot de fer contre le pot de terre va-t-elle se poursuivre ? En tout cas, le danger n'a jamais été aussi grand et aussi réel. Souhaitons donc de pouvoir continuer à parler français en France et de ne pas être obligé d'adopter le « franglais » et d'entendre des conversations dans le genre de celle-ci :

— Oh ! Darling, il est froid ce matin, prends ton pull-over si tu vas au bowling. Tu vois, moi, j'ai mis ma shoulderette.

— O.K. Mammy ; où est-il ?

— Sais pas ! Au living ou dans la kitchenette, où l'as-tu laissé ? Cherche-le et sois de retour pour le five o'clock... à 4 heures !

Comme tout ceci sera beau et comme, audelà de la tombe, Malherbes et Vaugelas seront fiers de leur belle langue française !

A. R.

# Echos de la Presse - Echos

Le Congrès Universel de Rotterdam, les 80 ans de l'Espéranto ont été les thèmes repris largement dans la presse au cours de ces deux derniers mois.

Comme chaque année, l'envoyé spécial du **« FIGARO »** assistait au Congrès Universel. Dans ses articles des **4 et 9 août 1967,** Jacques Dhaussy commentant l'action menée par l'U.E.A. « contre toute discrimination linguistique et culturelle » écrivait :

LE SILENCE DES NATIONS UNIES

Le Dr Lapenna, professeur de droit international à Londres et président de l'Association internationale pour l'espéranto, a rappelé que, le 6 octobre 1966, une proposition signée par un million de personnes et par quatre mille associations différentes avait été transmise au secrétariat général de l'O.N.U. Elle demandait aux Nations Unies d'intervenir auprès des Etats membres pour les prier de faciliter et l'enseignement et l'utilisation de l'espéranto. Ce plaidoyer « ferme et clair pour une solution rationnelle, pratique et équitable des problèmes linguistiques », n'a pas encore reçu de réponse.

Comme cette année a été déclarée par l'O.N.U. « Année internationale du tourisme », les espérantistes vont relancer l'offensive et poursuivre leur lutte « contre toute discrimination culturelle et linguistique ». Le vingtième anniversaire de la déclaration des droits de l'homme des Nations Unies leur en fournira encore l'occasion...

Mais ce 52e congrès, amusé par d'excellentes représentations du Théâtre d'art international de Zagreb, a été surtout marqué par les conférences très suivies et très appréciées de l'Université d'été, notamment par celle du président des espérantophones français, le Dr André Albault, sur l'opération de la cataracte. Enfin, un jeune compatriote, François Simonnet, agrégé de grammaire depuis quelques jours, a remporté la coupe d'art oratoire.

Déjà les espérantistes, qui sont les premiers à ne pas se bercer d'illusions sur l'extension rapide de leur langue mais s'y consacrent avec beaucoup de désintéressement, se donnent rendez-vous à Madrid l'an prochain.

**« LE MONDE »** et **« LA CROIX »** ont consacré également quelques lignes à cette manifestation, tandis qu'une dizaine de grands quotidiens régionaux : **« LA MONTAGNE »**, **« L'INDEPENDANT »** à Perpignan, **« SUD-OUEST »** ,**« LA DEPECHE DU MIDI »**, **« NORD-LITTORAL »**, **« LE COURRIER DE L'OUEST »**, **« JOURNAL DU CENTRE »**, **« LA NOUVELLE REPUBLIQUE »** à Tours, commentant les 80 ans de l'espéranto, notaient qu'il « est le moyen d'expression d'une communauté mondiale répartie sur les cinq continents ».

**« ECCLESIA », d'août 1967,** a publié un article de huit pages de notre ami Ribot sur « L'Espéranto langue liturgique ». Bien documenté, cet article met en relief l'intérêt que la hiérarchie catholique porte à l'espéranto. (« Ecclesia » est en vente 6, rue Casimir-Delavigne, Paris 6e. Prix du numéro : 1,50 F.).

C'est finalement dans le numéro d'**août** d' **« HISTOIRE POUR TOUS »** (Directeur Alain Decaux, 8, bd de Vaugirard, Paris XVe - le numéro, 2 F.) qu'est paru l'article du Dr Ganière : « Le Docteur Espéranto », annoncé dans « F. E. » de juin : cet article remarquable de 10 pages, illustré de 5 photographies, retrace la vie et l'œuvre du Dr Zamenhof. (Nous recommandons vivement à tous nos amis la lecture de cet article. Ils pourront se le procurer en écrivant à l'adresse ci-dessus).

**« LE HERISSON »** du **17-8-67 :** « Hommage à l'espéranto. Il y a 80 ans, le Dr Zamenhof faisait paraître à Varsovie son premier livre pour étudier l'idiome qui allait porter non pas son nom, mais son pseudonyme « Dr Esperanto ». Un congrès s'est réuni à Rotterdam pour célébrer cet anniversaire en même temps que le cinquantenaire de la mort du Dr Espéranto. Le Général De Gaulle n'a chargé aucun membre du gouvernement, aucune personnalité, pour représenter la France. On sait qu'il est fâché avec le volapük et l'espéranto ».

**« RUSTICA » du 3-9-67 :** Editorial d'E. Lambert, intitulé : « Langue Universelle » :

« Nous sommes à l'heure œcuménique. Colloques, congrès, séminaires, conventions et accords internationaux se succèdent, et l'on peut sourire à mesurer ces flots d'éloquence, parfois stérile... Voici des hommes de bonne volonté qui, depuis des lustres, se rencontrent pour le mieux-être de l'humanité et pour établir des lois universelles. Or, ils n'ont pu jusqu'ici se mettre d'accord sur la chose la plus élémentaire, au moins en apparence : parler la même langue. Ainsi, dans toutes les capitales, doit-on mobiliser des légions d'interprètes, aménager de coûteuses et temporaires installations pour la traduction simultanée en plusieurs langues... Le bons sens plaiderait pour que le premier accord entre les plénipotentiaires soit le choix d'une langue commune... Laquelle ? Ma fois, celle qui est la plus pratique. C'est l'espéranto, nous dit-on. Eh bien, va pour l'espéranto ! La langue commune étant un des facteurs essentiels de paix, aurions-nous le droit de nous montrer chauvins ? ».

**« LA DEPECHE DU MIDI » du 12-8-67 :** Interview du Dr Albault, nouveau président de l'U.F.E., par M. Lamothe.

**« COURRIER DE L'OUEST », 26-7-67 :** « Stage de conférences pour 50 espérantistes à la Maison Culturelle de Grésillon ».

**« L'ALSACE » des 22 et 31-8-67 :** « Par l'espéranto de Tokyo à Roderen » (visite d'un étudiant japonais espérantophone à Thann, chez nos amis Kubler et Kohlmann). et « rencontre internationale dimanche à Thann et Guebwiller.

# INSTRUAJ DISTRAĴOJ

*Solvoj de la antaŭe proponitaj enigmoj :*

004. — Lingvo internacia alportus al la homaro grandegan utilon. La ekzistado de lingvo internacia estas plene ebla.

005. — rip(o) - aro : riparo.

006. — kan(o) - ajlo : kanajlo.

007. — LENSO - MENSO - PENSO - SENSO.

008. — kamparano - kataroj - ĉar li remaĉas - perlo - la senegalaj.

KRUCVORTOJ.

Horizontale. — Mod - var; akademi; ĉu - eĉ; lepor; ja - il; erotika; sil - not.

Vertikale. — Maĉ - jes; okulari; da - ol; depot; ve - in ; Ameriko - riĉ - lat.

## NIAJ HODIAŬAJ PROBLEMOJ

09. — CIFERENIGMO.

La solvo konsistas el 53 literoj. Ĉiu nombro signifas unu literon; la serĉota frazo estas bonega difino de la lingvo internacia :

48 24 45 17 nomo de monato.
1 40 16 53 grava meblo.
11 17 32 41 8 doma besto.
30 9 5 35 13 51 35 42 nomo de tago.
43 21 49 29 ĉefparto de la korpo.
2 23 18 28 4 33 38 nomo de mondparto.
46 27 36 3 34 lampeto sur la ĉielo.
50 14 39 42 senmove kuŝanta akvo.
19 31 23 44 25 15 8 parto de la monato.
52 47 6 14 32 29 la sinjoroj tenas ĝin ĉe la buŝo.
7 12 26 20 38 ĝi estas sur la homo.
10 8 48 18 13 53 nomo de sezono.
39 37 44 22 34 trinkilo.

10. — KVADRATAJ VORTOJ.

1. Loĝas aŭ vivas sur ŝipo.
2. Naciano de sudeŭropa lando.
3. Multego da samtempaj pafoj.
4. Birdo, simbolo de la Galloj.
5. Unu el la kvar geografiaj ĉefpunktoj. (S-ro Motillon).

11. — ŜARADO.

Per mi, la tuto komenciĝas;
Per mi, la tuto finiĝas;
Sen mi, la Tero estus nur malgranda fragmento;
Tamen, mi estas nur la vosto de rato. (S-ro Motillon).

12. — ŜANĜU la unuan konsonanton de ĉiu vorto per alia, sama por la kvar vortoj kaj vi ricevos :

1. Legomo el la familio fabacoj, kies platrondaj semoj estas bongustaj.
2. Aroma vegetaĵo el la familio labiacoj, uzata en infuzo por faciligi la digeston.
3. Bedaŭro pro farita kulpo kun deziro ripari ĝin.
4. Ricevo aŭ percepto de iu impreso pri ekstera objekto.

13. — ĈU VI POVAS DIVENI ?

Post aŭtomobila akcidento, junulo grave vundita estis transportita en hospitalon; la kuracisto malpermesis ĉian viziton krom de proksimaj parencoj.

Iu maljuna viro sin prezentis por viziti la pacienton.

« Ĉu vi estas proksima parenco ? » demandis la deĵoranta flegisto.

« Jes, tre certe ».

« Kiu vi estas ? ».

« Nu jen : mi havas nek fraton, nek fratinon, sed la patro de la vundito estas filo de mia patro ».

Kiu li estis ?

14. — ĈU VI SCIAS LA DIFERENCON... ?

Inter juĝisto kaj ŝtuparo ?

Inter horloĝo kaj generalo ?

Inter vestaĵo kaj iu, kiu suferas je morbilo ?

Inter deputito kaj malsanulo ?

Inter arbo kaj paperujo ?

***

## LA PAROLANTA KANARIO

Iam, vagante sur la kermeso, kiu ĉiam akompanas la ĉiujaran grandan foiron en mia urbo, mi haltis antaŭ foirista budo, kies mastro anoncis :

« Eniru, gesinjoroj, vidu kaj aŭskultu la parolantan kanarion. Tiu kanario estas miraklo de dresado, ĉar ĝi ne nur parolas, sed eĉ parolas inteligente ».

Parolanta kanario ? Mi ja scias, ke papago povas paroli, pigo ankaŭ povas diri kelkajn vortojn; merlo ankaŭ, eĉ povas fajfi konatan arion ; sturno ankaŭ povas iom paroli; sed mi neniam aŭdis pri kanario, kiu povas paroli !

Tial, scivoleme, mi eniris la budon. En ties fundo, sur podio, staris granda kaĝo kovrita de nigra tuko. La foiristo envenis kaj diris :

« Rigardu kaj aŭskultu, gesinjoroj ! ». Kaj li deprenas la tukon. Efektive, en la kaĝo sidis bela flava kanario.

Kaj la foiristo, montrante al la birdo cigaredon kaj pipon, diras al ĝi : « Kion ci preferas, cigaredon aŭ pipon ? ». Kaj la birdeto respondis : « Pip, pip ».

« Vi vidas, gesinjoroj, ĝi pli ŝatas la pipon ! Sed bonvolu pardoni al mi : mi ne havis ankoraŭ tempon por instrui al ĝi la AKUZATIVON ! ».

# KIAMANIERE UTILIGI " ESPERANTO-ACTUALITES "

*La ĉefa afero estas havi en la menso que E-A ne estas por la esperantistoj sed por la ne esperantistoj. Estas grava informada rimedo ĉar kiel diris André Ribot : « L'Esperanto cet inconnu ! ».*

*Por ni kiuj ĉeestas la universalajn kongresojn, kiuj korespondas internacie ni bone scias ke Esperanto vivas kaj ke estas la sola racia solvo de la internacia komprenado. Sed la aliaj... E-A estas por tiuj aliaj.*

*Sed ĉar ni ne havas sufiĉe da financaj rimedoj ni ne povas sendi E-A al ĉiuj aliaj !*

*Do grava zorgo estas por niaj Kulturaj Centroj listigi la personojn kiuj devas ricevi E-A.*

*La Kultura Centro en Perpignan havas liston de Prefekto, Urbestro, Rektoro, Akademia Inspektoro; Prezidanto de la ĝenerala konsilio, Inspektoroj de unuagrada Edukado, Estroj de Kolegioj, liceoj, lernejoj. Prezidanto de la Komerca ĉambro, Prezidanto de la Metia ĉambro, ktp. Oni ne forgesos la gazetaron kaj radion sed por tiuj bona metodo estas kiam oni ricevas la pakaĵon de E.A., legi la artikolojn kaj fari resumon de la gravaj aferoj kaj sendi tiun resumon samtempe kun E.A. kaj kun la vortojn : « Ni petas vin represi ».*

*Ĉiuj E-A (escepte unu por la arkivoj) ne devas resti en la mano de la esperantistoj ; post legado, kiam vi iras ĉe via kuracisto, dentisto aŭ kombisto vi lasas ĝin sur la tablo de la atendejo...*

*Ni havas nun perfektan propagandan ilon ne por plenigi niajn bibliotekojn sed por esti vaste diskonigita. Ni rikoltos kion ni semas ! Al la laboro !*

*René LLECH-WALTER.*

---

Une association d'espérantistes postiers, télégraphistes, téléphonistes, sans filistes, amateurs de radio et de télévision vient de se fonder à Sofia, sous le Sigle I.P.E.A. Cette association édite un bulletin mensuel en Espéranto et insiste auprès de tous les espérantistes ou approbateurs pour qu'ils lui donnent leur adhésion.

En attendant la création d'une section française, M. Colney Roger, délégué de U.E.A., chef de Section à la Direction des P.T.T. à Gap (Hautes-Alpes) assurera le secrétariat et la transmission du bulletin.

Les « samideanoj » et sympathisants appartenant aux catégories sus-mentionnées sont instamment priés d'envoyer leur adhésion de principe à l'adresse ci-dessus.

---

# ĈU VI SCIAS, KE...

— La Germana Federacia Fervojo eldonis jam pli ol 4 milionojn da horaroj kun klarigo de la teksto kaj simboloj en la Internacia Lingvo Esperanto ?

— Ges-oj Veneta kaj Ivan Kostovi, junaj geedzoj, tekstil-kemiistoj deziras korespondi pri diversaj temoj kun la tuta mondo, precipe kun francaj geedzoj, esperante kaj france ? Ilia adreso : Georgi Dimitrov 10 - Trjavna, Bulgarujo.

— Unu el la ĉefaj tradukaĵoj de D-ro Zamenhof estas nun reeldonata de la Esperantaj Francaj Eldonoj (Marmande) ? Temas pri MARTA pola romano de E. Orszesko, kiu aperos antaŭ la fino de tiu jaro, en vesto simila al Hamleto (sama eldonejo) kaj je rabatita prezo por la antaŭmendintoj.

— Niaj danaj samideanoj okazigos diversnivelajn kursojn de Esperanto en luksega altlernejo en Aarhus, de la 15a ĝis la 21a de oktobro. La interesatoj bonvolu rekte peti informojn de S-ro Friis, Ingemannsvej 9 en Aabyhoj (Danlando).

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

Nous pouvons fournir tous les livres indiqués dans l'annuaire U.E.A.

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,50 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 8,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) | 5,00 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,80 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,80 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 16,00 |
| Espéranto Vivant (P. Delaire) | 20,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 14,00 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 4,75 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaŭ) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 4,20 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanta Proverbaro (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanto, facila por vi (Walter) | 6,30 |
| La Fundamento, broŝurita, p. de A. Albault | 13,50 |
| Ne kiel Meier ! (R. Schwartz) | 2,00 |
| Nos premiers pas en Esperanto (avec disque) | 2,50 |
| Espéranto - Eclair | 1,00 |
| Manuel préparation Kapableco | 6,00 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien) | 33,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 6,00 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 20,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,30 |

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado ((Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 28,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 20,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 9,50 |
| D-ro Zamenhof (M. Boulton), bindita | 19,00 |
| Boulogne 1905 Testo Kaj Triumfo | 2,50 |
| La Homaranismo de Dro Zamenhof | 2,50 |
| Aŭtografoj de D-ro Zamenhof | 2,50 |

### LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 3,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| La Forto de l'Vefo (Adi) | 6,00 |
| La Goja Podio (R. Schwartz) | 6,00 |
| La Huado Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,40 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 16,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Naĝivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| La Dia Komedio (luksa eldono) | 60,00 |
| Edelvejso kaj la tri vagabondinoj | 4,00 |
| Hamleto (tr. L.-L. Zamenhof) | 14,00 |
| Fabeloj de H.C. Andersen (tr. L.-L. Zamenhof), IV vol. | 16,50 |
| Fabeloj de H.C. Andersen (tr. L.-L. Zamenhof), I vol. | 15,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Naŭzo (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 20,00 |
| Sen Eliro (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 8,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 5,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| Kiel akvo de l'rivero (Schwartz), bind. 19, br. | 15,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |
| La Marvirineto, bindita | 10,50 |
| Bildlibro pri Bestoj, bindita | 11,50 |
| La Eta Princo, broŝurita — Trad. P. Delaire | 14,50 |
| Hamleto (tr. Newell) | 12,00 |

### FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) | 3,00 |
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 4,50 |
| Sankta Biblio, bindita | 15,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| De Parizo al Pirenea Montaro | 1,80 |
| La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) | 10,00 |
| La Kunprinclando Andoro (ilust.) | 7,50 |
| Gvidlibro Tra Parizo (Julieta) | 12,00 |

### ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Atakoj kontraŭ Ĝardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |
| Amuzo per Scienco (Vivian), bind. | 6,00 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Cours d'Esperanto (Ribot) : 6 disques et 7 livrets | 84,00 |
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 11,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe), ĉiu | 10,00 |

**Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10) .. 10,00**

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF; 15 % jusqu'à 20 NF; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris X<sup></sup>e. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier

Le Gérant : A. BOURDEAUX.